3ª jaro - Nº 3 (22) (Publication mensuelle) Marto 1935

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

**La popoloj: granda rondo familia,**
**Kaj armeoj: fam' ilia!**
**Resume: Bela familio.**

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIV[e]

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Hopla - Hopla !

Kantu, diino, koleron de la ministro Tsaldaris,
Al kiu Venicelanoj kaŭzis mizerojn sennombrajn
Kaj el Pireo forŝtelis la belajn ŝipetojn kuraĝajn...

De tiu tago, de kiu disigis sin ekdisputinte
La ordonantoj al viroj, Tsaldaris kaj Venicelos!

(El... Idiliado)

---

Kaj se la dia Homero hodiaŭ revenus sur la teron kaj vidus la disigitan grekan popolon, li verkus novan poemon : « O Disejo ! »

---

Ili disiĝis, — verŝajne malpli pro dogmoj ol pro dranmoj.

---

Kaj el Pireo naskiĝis Pereo, — en ombro de l'Akropolis akropolitiko.

---

Ekbruis la batalileto j. Sekvis bataletoj, gajaj kaj viglaj. Tio ne estas miriga. En la greka lingvo *armiloj* nomiĝas ja *hopla.* — Hopla, hopla !

---

Sed tre saĝe ambaŭ partioj atendis... La teruraj minacoj neniam realiĝis. — Venicelos, Zoropafos, Pittatakos, Liskurĝos, Polibatos : jen, kiel vi povas konstati, ĉiam *os,* neniam *as!* Ankaŭ bone.

---

La decida, definitiva batalego okazis en la macedoniaj tabakokampoj. Ek al la tabakatakado. Tre ĝuste, tre saĝe, ambaŭ partioj por tiu batalo kunportis ne pafilojn, sed pipojn. Tute prave. Oni evitis al ni tiun abomenindan spektaklon : Korvoj, korvoj.., grekantaj super la batalkampo.

---

Ĉar malaperis por ĉiam la terure batalanta Aĥilos, mortis la bravaj Aĥajoj. Aĥ, aĥ !

---

Venicelos, la gvidanto de l'ribelanta partio, sin turnis al la registarfidelaj Atenanoj per solena alvoko el Kreto (ĉefsidejo de l'ribelantoj) :
« Ho malfeliĉaj viroj, kiuj perdis la liberecon ! Ne plu Atenanoj vi estas, sed Katenanoj ! »
La Atena registaro tuj respondis per dekreto :
« §1. — La loĝantoj de Kreto estas kretenoj. »

Ale Ben Tarip.




# SIMIAĴOJ

Fieriga novaĵo trafas nin el Usono.

La deputitaro de Tennessee *) decidis per 67 voĉoj kontraŭ 15, ke la homo ne devenas de la simio.

Tiel fiaskas teoriaĉo, kiu tro longe erarigis la homaron. Ĉu simio homohomologas, aŭ ĉu homo simisimilas? Jen demando, kiu konfuzis la spiritojn. Sed nun ni estas ja tute trankvilaj.

Nun, kiam forigita estas la danĝero, juste estas rekoni, ke la Darwin'a eraro estas komprenebla. Ekzistas efektive ĉe ambaŭ gentoj pli-malpli similaj karakteroj. Ekzistas kelkaj komunaj komparpunktoj. Kelkaj homoj, plejofte viroj, perdis siajn harojn. Ankaŭ kelkaj simioj, — sed ne samloke. Kaj, en la zoologia ĝardeno ĉiu miras, rigardante la makakojn, al kiuj iu ĵetis spegulon kaj kiuj tute homine uzas ĝin.

Sed tio estas nur fizikaj similaĵoj.

Ĉu simioj iam turmentis siajn idojn! Ĉu simioj posedas diversajn lingvojn? Ĉu iam, inter la simioj, senpacienca heredonto venenis sian onklinon? Ĉu simioj militas?

Tio montras klare, ke diferencoj inter homoj kaj

*) Prononcu, kiel vi povas.

simioj estas pli gravaj ol similecoj. Kaj same, tio permesas kompreni, kial la supremenciitaj makakoj en la zoologia ĝardeno tiel atente rigardas alterne sian bildon kaj la homajn vizaĝojn ĉirkaŭantajn. Ankaŭ ili verŝajne aŭdis pri la Darwin'a aserto. Kaj ili deziras kontroli, ĉu ili iompostiome homiĝas. Eble kun iom da timo. Sed nun ili estu trankvilaj.

Ni prave diris, komence de nia artikolo, ke la decido de la Tennessee'a deputitaro estas fieriga. Ĝi estas eĉ treege fieriga.

Por la simioj. LA DEĴORANTA PIRATO.

---

# La Fazeologio
## laŭ etimologia kaj historia vidpunktoj

Ni plezure komunikas al nia klera kaj elita legantaro la tre dokumentitan artikolon de nia eminenta kunlaboranto.

### KOMUNIKO AL LA AKADEMIO
### SEKCIO POR TEKNIKAJ VORTAROJ

Estimataj sinjoroj,

Post unu fastosemajno, kiu daŭris sep tagojn, kaj post samlonga interna koncentriĝo, dum kiu mi trafoliumis antikvajn kaj polvokovritajn manuskriptojn, mi kuraĝas submeti al via alta juĝo la sekvantajn meditaĵojn.

La latina vorto *phaseolus* aŭ *faseolus* konsistas el tri elementoj:

1e: fas = justeco
2e: e = (el kuntiriĝo de es) vi estas
3e: olus = legomo.

Tiu vorto signifas do: «Justeco, vi estas legomo!» Sed, ĉar jam pli kompetentaj fazeologoj ol mi, ne sukcesis penetri la sencon de tiu enigma diro, mi ne insistos.

*Phaseolus* aŭ *phaselus* (greke : *phaselos*) estas uzita jam de Cicero *) kaj de Katono **) en la

---

*) de reis illustribus, III, 4.
**) Pro respublica, XIV, 26.

senco de malgranda, rapidmova ŝipeto, konstruita el papero aŭ el salikvergoj, kiu portis sur sia antaŭa parto unu kanonon. Ĉi tie eble oni povas trovi rilaton inter fazeolo kaj kanono.

Laŭ alia etimologia skolo, *phaseolus* konsistas el nur du elementoj: *phas* (antikve *phus*, greke *phusis* = naturo) kaj *eolus* aŭ *æolus*, kiuj ambaŭ devenas mem de *Eolo*, dio de l'ventoj. El tio ni povas prave konkludi, ke la fazeolo havas la naturon de vento. Sed ĉu al la vento ĝi dankas sian originon aŭ ĉu mem ĝi fariĝas vento? Mi emus akcepti la lastan hipotezon.

Pri la vorto *Vento* la fama franca vortaro de Gibet donas, i. a., jenan difinon: «Substantivo; gaso formiĝanta en la homa korpo, kiu havas la emon eliĝi kun bruo.» Cetere, tiu signifo, kiun donas la vortaro de Gibet *) perfekte akordiĝas kun konata citaĵo el la Historio de Hepistaĥos. En sia fama parolado, sur la monto Pnyx, kontraŭ la legomvendistoj, al kiuj li riproĉis, ke ili subaĉetis Arĥimedon, por ke ĉi tiu rektigu la akson de l'mondo kaj per tio ŝanĝu la sezonojn je profito de la legomvendistoj, (sed feliĉe la eminenta matematikisto ne trovis apogpunkton por sia levilo!) — en tiu fama parolado Hepistaĥos diris: «Inter la legomoj, kiujn vendas la legomvendistoj, troviĝas ankaŭ la fazeolo. Ho Atenaj viroj **), ne toleru ĉi tiun hontindan komercon! Memoru, kia estis la malĝoja sorto de Lysispattos kaj de liaj bravaj kunuloj, kiuj — kaŝitaj por surprizi la barbarojn — estis mem surprizitaj kaj masakritaj, tial, ke unuparte ili estis manĝintaj fazeolojn kaj aliparte ne sukcesis trompi la malamikojn pri la origino de certaj bruoj.»

Mi esperas, estimataj sinjoroj, ke mia modesta laboro eble kontribuos al klarigo pri la rilato ekzistanta inter elefanto kaj fazeolo.

CHARLES HUREL.

**Definitiva fino de la ĉapitro pri Fazeologio.**



*) Vortaro Gibet, librejo Pilou, fr. fr. 1,75.

**) O Andres Athenaioi. — «Grekoj kontraŭ Barbaroj» de Ksilofon. III. 12.

# LA GROTESKULOJ

La politika-literatura gazeto « Candide » publikigis la 14-an de marto, sub la titolo « La Groteskuloj », ĉi tiun artikoleton :

« Dudek-naŭ deputitoj subskribis deziresprimon invitantan la registaron, ke ĝi enkonduku la internacian helplingvon Esperanto en la programon de l' publika instruado. — Inter tiuj dudek-naŭ leĝdonantoj oni trovas kompreneble ĉiujn specialistojn de l' parlamenta ĵargonlingvaĉo, jen S-ron Maurice Rolland, jen la maljunan paĉjon Cazals, jen S-ron Prosper Blanc kaj jen la neforgesindan Petrus Faure. »

Lasu nin senbride rideti pri tiuj groteskuloj. Tiuj sencerbaj apostoloj eble imagis, ke Esperanto estas parolebla lingvo ! Sed dank' al Dio, hodiaŭ ĉiuj homoj senescepte, eĉ duonidiotoj kaj kompletaj kretenoj samgrade kiel la redakcio de « Candide » tre bone scias, ke Esperanto estas neuzebla. Estus tro simple, ĉu ne, se kiu ajn normala homo povus subite kompreniĝi kun la tuta mondo helpe de tiu tro facila lingvo ! Se oni aŭskultus tiujn groteskulojn, alvenus baldaŭ aliaj molkapuloj, kiuj fanfaronus pri la utileco de l' telefono, eble eĉ de l' aviado ! Lasu nin ridi !

Tute alia estas la afero, kompreneble, kiam temas pri profitdona realaĵo. Kun mirinda takto la sama gazeto « Candide », antaŭ kelkaj tagoj, metis je la dispono de la Societo Franca por Propagando de Esperanto sian anoncoparton por reklami pri la Esperanto-kursoj. Samokaze « Candide » ne forgesis aldoni la reklamtarifon. Tio ne estas groteska.

---

# POST DIPLOMATA VOJAĜO

Nia bona amiko Huĉjo, post kelkminuta cerbumado, sukcesis surpaperigi por niaj legantoj la resumon de l' situacio post la vojaĝoj de la aŭstra kanceliero. Kaj miru ! En tiu ĉi saĝe pripensita frazo la vortoj sekvas unu la alian laŭ la alfabeta ordo. — Jam antaŭ Huĉjo, aliaj eminentuloj kaj vortakrobatoj elkovis similajn kuriozaĵojn, sed kontraste al la aliaj, la frazo de Huĉjo havas sencon, tre reale profundan sencon ; krom tio ĝi estas aktuala. — Se estus kutimo sur nia ŝipo pomadumi niajn kunlaborantojn, ni certe gratulus nian amikon. Sed ne estas kutimo.

«*A*ŭstrujo *b*ezonas *c*entimojn, *ĉ*ar *d*elegito *e*lsendita *f*iaskis *g*randioze ; *ĝ*eneva *h*elpa *ĥ*irurga *i*nstitucio *j*a *ĵ*us *k*uras *l*ame *m*em, *n*enies *o*stojn *p*ovas *r*ipari ; *s*enrezulte *Ŝ*uŝnigo *t*utan *u*niverson *v*izitis *z*igzage. »

HUĈJO.

Pedantuloj eble diros : Mankas vorto komenciĝanta per *ŭ*. Sed ja ne estas la kulpo de Huĉjo, se neniu honesta vorto havas en Esperanto tian komencliteron.




LA INTERLIGILO DE L' P. T. T. (Dec.) — « Tuta loĝantaro estis *kunbindita* per sanga fido kaj amikeco. »

*Hm, hm! — Sanga fido kaj amikeco ne estas tre fortikaj bindaĵoj. Porkledo estas pli rekomendinda.*

AGANTO (Nro 1). — « Kun rideto, nia gazeto etendas la manojn por marŝi brakon en brako... »

*Por marŝi brakon en brako ne necesas etendi la manojn. Eble pro tio la rideto.*

NIA GAZETO (Jan.) — «...akcidentoj kaŭzitaj de la milit*gazoj.*»

*Konsentite. Sed se oni parolas pri militgazoj, oni devos necese — kaj logike — paroli ankaŭ pri « Nia Gaseto ». — Kaj ĉiuj estos kontentaj.*

FLANDRA ESPERANTISTO (Jan.) — « Li nur dum du monatoj geedziĝis, kiam li iĝis senlaborulo. »

*Ni komprenas, ke post tia vivado li ne plu povis labori.*

SAMLOKE. — « La maljuna virino alportis *viandkoloran* pupon... »

*Ni esperas, ke la maljuna virino ne alportis tiun pupon en vegetaran hejmon. Estus ja sentakte.*

ONDO DE DAŬGAVA (Jan.) — « La fenestroj rigardantaj la malamikon estis fermitaj. »

*Miru pri tiuj singardaj fenestroj! Ili rigardis la malamikon — kredeble — tra periskopo.*

ESPERANTO (Jan.) — El Lingva Praktiko: « ...superfluaj estas la terminoj esprimeblaj per ekzistanta vortmaterialo... » kaj la aŭtoro konsilas uzi anstataŭ *solivo* la pli konatan *plafonputro.*

*Sed ankaŭ plafonputro estas danĝera. Por eviti akcidenton ni rekomendas uzi niajn bonajn kaj klasikajn trabojn.*

LA SUDA STELO (Febr.) — « En la riĉa programo estas antaŭvidataj : teatraĵo, koncerto aranĝota honore al la kongreso, kiu ludos la Esperantan himnon. »

*Tre ĝentile. Koncerto honore al la kongreso, — kaj responde, honore al la koncerto, la kongreso ludos la himnon.*

POLA ESPERANTISTO (Febr.) — El recenzo pri la verko Cezaro : « Estas io tiom frapanta en la tradukaĵo, ke mi apenaŭ povas teni la plumon skribante pri ĝi .»

*Ne estas ĝentile frapi tiom forte sur la fingrojn de l' afabla recenzisto !*

HEROLDO (3 Marto). — « ...atestoj donitaj de universitataj rondoj, diversspecaj kluboj, lernejoj, eĉ de nepenetreblaj *monaĥejoj por inoj.* »

*Ni vivas en jarcento de l' dekadenco.*

---

## INTER FRAKULOJ FRAKASULO




Wranka Dragutin

— Gesinjoroj, mi prezentas al vi nian faman oratoron Ferbrak. Ĉu vi havas ankoraŭ ion por kontraŭdiri ?

Fandinto
ULPA - TULBO



# LA VERDA BINOKLO



Gvidanto
A. SESA - KEBAT

La sola Esperanta gazeto, kiu publikigas preserarojn !

Senfadena zageto por kulturlaboroj kaj Esperanto

La sola gazeto, kiu pagas honorarion al siaj legantoj !

APERAS SENBEZONE

127-a Jaro | 1-a de Aprilo 1935 | N-ro 64.835

Parizo — Honolulu — Wwiippurriii — Ŝikago — Rio de Janeiro — Horrem
Tri cent dek-kvar eldonoj ĉiuhore.

## Laboristo estas mortigita de sia filino

### Li estis farinta al ŝi rimarketon

*Parizo.* — Hodiaŭ matene S-ro Lagoutte, masonisto, rimarkigis al sia filino, deksepjara kudristino, ke ŝi metis sian ĉapelon malrekte. Furioza pro tiu enmiksiĝo en ŝiajn proprajn aferojn la kudristino prenis revolveron kaj pafis trifoje al la patro, kiu por ĉiam eksilentis, trafite de kvin kugloj en la koro. Poste la mudristino iris mem al la policejo por arestigi sin. Tie ŝi estis portata je triumfo kaj aklamata. Tre modiste ŝi respondis : « Mi faris nur mian devon. » — En la sama nokto ŝi ricevis 469 edziĝpetojn.

## EŬGENIKO

### Grandioza rezulto

Ekscelenco Phindau, la nova ministo por Peresperanta Popoledukado, sciigas, ke hieraŭ naskiĝis en Aspremont la unua bubeto en la mondo, kun kvinpinta nazo. Gratulojn al la gepatroj kaj al la ministro.

## Laŭ registara ordono

*Roma.* — En la urbeto Ramissa, ĉe la familio Calfetti, estis fromaĝo, kiu ĝis nun neniam manifestis batalemajn intencojn, sed hieraŭ tute neatendite, kaj verŝajne pro la alta temperaturo, tiu fromaĝo furioziĝis, ekmoviĝis kaj antaŭenmarŝis. Pepito, la plej juna fileto de l' familio Calfetti, estis renversita de la rapidema fromaĝo kaj grave difektita. — Por eviti en la estontteco similajn akcidentojn la registaro unuanime dekretis, ke dum la varma sezono ĉiuj fromaĝoj senescepte devas *a*) esti firme alligitaj al fortika~~j fostoj ka~~j *b*) surporti sonoriletojn avertantajn ĝustatempe pri ilia alproksimiĝo.

## La dramoj de l' vivo

### Tuta familio sin jetas sub vagonaron

*Nov-Jorko.* — Terura vivdramo, aŭ pli ĝuste mortdramo, okazis en la stacio « Cosy Corner » de la subtera urbfervojo. Tuta familio, konsistanta el patro, bopatrino, patrino, du onkloj, unu kuzino, kvin infanoj kaj unu kromviro, sin jetis sub la vagonaron alvenantan en la stacikaverno. Laŭ nia enketo, tiu malesperago okazis por savi la familian honoron, ĉar la antaŭtagon la plej juna filo, James Brown, alvenis du minutojn tro malfrue en la lernejo.

Oni malfermis tuj internacian monkolekton por starigo de monumento al tiuj herooj de la « ĝustatempalvenemeco ».

## Stranga Katastrofo

### Terura eksplodo de kudromaŝino !

*Berlin-Hallensee.* — Hieraŭ vespere, en nia kvieta urbeto, stranga akcidento okazis feliĉe. Sinjorino Juckendal estis ĵus rekudranta la edzan perlgrizan pantalonon, helpe de kudromaŝino importita el Usono, kiam la bombaĵo, tio estas la kudromaŝino, eksplodis.

Kutime, kudromaŝino ne eksplodas. Tiom pli stranga estas la dirita fakto, kiun ni submetas al la klarigemo de niaj legantoj.

Puŝegata de l' fortego de l' eksplodego, sinjorino Juckendal jetegiĝis tra la fenestro kaj refalis sendifekte sur la kontraŭan trotuaron, ŝi tuj sin levis, ekkriis « Heil Mi ! » kaj eniris kafejon.

Tiam oni ekrimarkis, ke ŝi surhavas la edzan perlgrizan pantalonon ; — jen stranga efiko de l' malica eksplodo.

Tricent mil uniformuloj parade tramarŝas hodiaŭ Berlinon por protesti kontraŭ la eksplodemo de kudromaŝinoj.

## FELIETONO

## La sangomakulo en la piptubo

*Daŭrigo.*

(Resumo de la antaŭaj ĉapitroj : Kvankam la plej mondfamaj detektivoj klopodis dum multaj jaroj, ili ne povis malkovri, kiamaniere la sangomakulo eniris la piptubon.)

Cravel Mackford ne deziris ripozi. Estinginte la lumon de sia ĉambro li surventre rampis sub la liton, frapis kvarfoje la plankon per la frunto, elparolante ĉiufoje la misterajn signal-vortojn « Filipopel package date-stamp Hapag ». Strange, en la ĉambro eĉ cimo ne moviĝis. « Hu ! » pensis Cravel Mackford, dum malvarma tiklo, kvazaŭ glua tuŝo de mortinta serpentvosto, trakuris lian dorson de nord-al-sude. Tiel certiĝinte, ke li estas sola, li prenis el kava dento la faman piptubon, rigardis tra ĝi kiel tra teleskopo kaj raŭke ridetis : « Ankoraŭ vi estas tie, ho sangomakulo ! »

« Haha ! kaj kiel ĝi eniris en la tubon ? » tombovoĉe rikanis ordone Jim Betcher, la reĝo de l' detektivoj, kiu subite elstreĉis sian pinglokapon el matracrisorto, tenante inter la dentoj pafpretan ponardon. « Nun, bandito, konfesu, aŭ mi... mustardo ! Kiu mordas miajn piedfingrojn ? Hi, ha, ho, hu ! huuuuu ! » — En tiu momento defalis de l' plafono... (*daŭrigota*).

*NIAJ ENKETOJ*

# El la moderna greka militologio

*Prologo.* — Jam komence de januaro mi ricevis poŝtkarton de la ĉefdelegito sur la Olimpa Monto kun jena informo: « Baldaŭ oni militiros. Venu. Simile gigantajn batalojn vi neniam vidis. Estos tre interese. » — Rapide mi metis en valizon duondekduon da ŝtrumpetoj, kvar poŝtukojn, unu kalsonon, la adreson de la ĉefdelegito kaj unu ekzempleron de la Parnasa Gvidlibro. Mi ekveturis.

*La neevitebla geografia lirikaĵo.* — Centjaraj olivarboj, samaĝaj maljunuloj, belaj vinberĝardenoj kaj ĉarmaj junulinoj ankoraŭ hodiaŭ kreskas sur la argila grundo de Hellas, kiun ankoraŭ hodiaŭ majeste trafluas la historiaj riveregoj Cefiso kaj Illisos, nun tute senakvaj. Nenie la atmosfero estas pli travidebla, la lumo pli nuancoriĉa, pli delikata, neniu kadro povus pli arte ornami tiun nekompareblan juvelon, la eternan rokon, sur kiu tronas la Akropolo, kie la animo de Athena dum senluna nokto, per siaj longaj, rozungaj fingroj nesenteble karesas la marmorajn kolonojn de l' Partenono.

*Antaŭ la batalego.* — Sur tiun mirindan scenejon mi eniris kaj pensis: Kial ili bezonas militi? En tiu ĉi feliĉa lando ili ja havas jam sufiĉe da ruinoj. — Iom poste, laŭprograme, mi renkontis mian amikon Kondilis, la grandan generalon, al kiu mi klarigis la celon de mia vizito. Kiam li fine komprenis, ke mi reprezentas la tutmondan gazetaron, li fiere deklaris: « Bone. Vin mi atendis. Nun ni povos komenci. La universo rigardas nin. Estu morgaŭ matene je la 7-a en Macedonio; vi havos la okazon lerni iom da strategio. » — Kaj senprokraste li delegis staboficiron al la malamika partio por fiksi la batalrendevuon. — Sed jam duontagon poste la oficiro revenis, ĉar li ne sukcesis trovi la malamikon. Intertempe alvenis sciigo de la ribelantoj: « Generalo, ni atendas vin en la

brasikokampoj de Tracio. Bedaŭrinde Venicelos ankoraŭ ne sendis la kanonon, bonvolu tial pacienciĝi ankoraŭ du aŭ tri tagojn.» — Leginte ĉi tiun telegramon mia amiko Kondilis ridetis multsignife kaj konfidis al mi: «Ili atendu en Tracio, — mi atakos ilin sur la Peloponezo!»

Tri tagojn poste mi havis la plezuron vespermanĝi kun Pafpretas, la granda generalo de l'ribelpartio. Al mia scivola demando: «Kaj la kanono?» li tre afable respondis: «La kanonon ni ne ricevis, — sed Venicelos, kiu estas longjara abonanto de La Pirato kaj kiu legis kun profito viajn lastajn numerojn, sendis al ni fazeolojn. Nun ni estas pretaj. Kaj ne kredu, ke Kondilis superruzos nin. Dum li serĉos nin en Tracio, ni atakos lin senkompate sur la Egeaj insuloj.»

*Oficialaj deklaroj.* — Antaŭ la granda batalego Kondilis radioparolis al la ribelantoj: «Okdek milionoj da nevenkeblaj herooj, ekipitaj per plej modernaj aŭtomataj nuksrompiloj, ĵuris senŝeligi viajn hepatojn. Ankoraŭ estas tempo por savi vin. Rapidu!» — Ne malpli ĝentile respondoradiis Pafpretas: «Niaj noblaj prapatroj enviciĝis en nian armeon. Jam ni ne plu povas kalkuli niajn soldatojn. Plue, ni posedas tri mil kaŭĉukajn korktirilojn. Timu nin! Ve al vi!»

*La granda batalego.* — Nur Zeŭs povus klarigi, pro kiu stranga hazardo ambaŭ partioj iun tagon troviĝis subite unu kontraŭ la alia. Feliĉe la vetero estis malbela; pluvetis preskaŭ senhalte, tiel, ke estis tute neeble batali, ĉar neniu partio disponis pri sufiĉa nombro da pluvombreloj. Poste ili pace endormiĝis.

*La Venko.* — Fine, fine! La sekvintan matenon, kiam ili vekiĝis, ili eksciis, ke ili glore batis la malamikon, ke ĉio estas ree en ordo kaj ke ili povas hejmeniri. Sed antaŭ ol disiĝi, ili kalkulis la mortintojn kaj starigis definitivan statistikon: 11 viktimoj.

Laŭ mia opinio, tiu cifero estas tro alta kaj neniel respondas al la realeco, eĉ se oni pripensas, ke la fratmurda batalado daŭris tri semajnojn.

*Konkludo.* — La grekoj havas ankoraŭ multon por lerni de la grandaj, vere civilizitaj nacioj.

JULES LARIBOIS.




*Tiun nokton la ŝipano Rogister malfermis la buŝon :*

# La Giganto Bihejn

Li estis supermezure grandega. Sed ne demandu al mi pri pluaj detaloj. Lian tute precizan staturon mi ne konas, nek la jarojn, kiam li naskiĝis kaj mortis. Ankaŭ pri lia antaŭnomo neniam mi aŭdis. Nur tiom mi scias : li estis supermezure grandega kaj ankoraŭ hodiaŭ oni parolas pri li en lando Valona. Nenian pordon li povis trapasi ne fleksante sian longan korpon. Kaj estis malmultaj la ĉambroj, kie li povis stari ; tuj li devis sidiĝi pro la nesufiĉa alteco de la plafonoj. Krom tio li estis tiel forta kiel du bovoj, kaj ĉiam de li oni petis helpon, kiam necesis neordinara streĉa ekpeno.

Kompreneble lia apetito, lia manĝokapablo estis je la skalo de liaj grando kaj forto. Tion speciale reliefigas la jena rakonto, kiun mi aŭdis de najbara maljunulo, kiu lin konis.



Bihejn laboris en bierfarejo. Nomiĝis Grofis lia mastro, se mi bone memoras. En tiu ofico, liaj titanaj muskoloj estis tre ŝatataj. Por levi plenajn grandajn barelojn, kaj ilin meti sur la ĉaron, ne bezonis al li aligi helpanton. Eĉ anstataŭ ilin ruli ĝis la ĉaro, ne domaĝante la muskolstreĉon, li prenis ilin sur siajn ŝultrojn, kaj kvazaŭ ludante, ilin portis kaj ŝarĝis senpaŭze.

Iun tagon, germana vojaĝanto pri hordeo faris al S-ro Grofis sian kutiman periodan viziton, kaj, alvenante en la korto, vidis mirigan spektaklon. Bihejn, meze de siaj kolegoj, faris sian posttagmezan manĝeton. Sidante sur la kalkanoj, sin apogante kontraŭ la muro apud la pordo de la mastra oficejo, li tenis en la sino tiel altan amason da ŝmirpanoj, ke la germano haltis gape pro mirego. Tiam ĝuste alvenis S-ro Grofis, kaj li ridetis vidante la kvazaŭ ŝtoniĝintan vizitanton. En sia oficejo, kien li kondukis la komerc-

vojaĝiston, li fieris (tia ja estas la homa naturo) aŭskultante lin. Neniam, asertis la germano, oni vidis tian manĝopovon. Kaj germanoj estas spertaj en la fako, ĉar ankaŭ ili mem ĝuas grandan apetiton. Tiu admiro tiel fierigis la mastron pri la dungito, ke li fanfarone volis pligrandigi ankoraŭ la aferon. « Tio estas nenio, li diris, mia giganto ne estas sufiĉe riĉa por kontentigi sian apetiton. Li povus ja formanĝi tutan bovidon dum unu manĝo. » La germano protestis la nekredeblan diron. La bierfaristo ne volis konfesi la troigon. Tiel ili interdisputis dum momento, ĝis sensaĝe S-ro Grofis proponis vetprovon, kion tuj prikonsentis la kontraŭdiranto. Pri la malsaĝa propono jam pentante, la mastro de l' giganto penis almenaŭ malkrutigi la provon : estos, kompreneble ses- sepsemajna bovideto. Kaj, rekompreneble, la giganto ne devos manĝi kruda la kvarpiedulon, sed la beston oni dispecigos, kaj per ĝi estos preparataj pluraj diversmaniere spicataj manĝaĵoj. Ĉion kompleze konsentis la kontraŭvetulo. Kaj ĉio estis decidata. La koston prenos sur sin la perdinto. La manĝo okazos ĉe la bierfarejo. La tagon oni fiksis. La germano foriris.



S-ro Grofis venigis al si la priparoliton. « Bihejn, li diris, imagu ke mi vetis kontraŭ la ĵus foririnta sinjoro, ke vi kapablas manĝi en unu nura manĝo tutan bovidon. Ĉu tion vi povos fari ? » Bihejn trankvile respondis : « Jes, mi kredas, se tamen ĝi ne estos tro granda. »



Kaj venis la fiksita tago. Jam de la plej frua mateno, lertaj kuiristoj kaj kuiristinoj diligente preparis la dispecigitan beston, pri kies aĉeto S-ro Grofis mem zorgis. Ĉeestis la germano, kaj atentis, ke neniu peco perdiĝu. La bierfabrikanto iris de unu al la alia, kun rideto sur siaj lipoj, ĉar la venko ŝajnis certa. Bihejn, komencinte la manĝon tri horojn antaŭe, montris ankoraŭ viglan apetiton, kaj el la bovido restis nur la kotletoj kaj la lumbaĵoj ; la tuta cetero estis facilglute formanĝita. Devas esti dirate, ke nenio estis flankelasita por la sukceso. La plej delikatan guston, la plej admirindan arton pruvis la ĉefkuiristo en la aranĝo de la menuo. Apetitdona salato venis komence, por tiu oni uzis la piedojn kaj la kapon. Poste, per arta tekniko, kaj ankaŭ per ajlo, rosmareno, kariofilo, pipro, bulboj, karotoj, kaj unuvorte ĉiuj necesaj spicoj kaj plej bongustaj legomoj, la diversaj partoj de l' korpo iĝis frandaj saŭcaĵoj. Maldikaj tranĉaĵoj en brunruĝa tomata saŭco tiklis la gustuman glandon, tiagrade, ke al ĉiu venis salivo en la buŝon. Tiel loga kaj aroma estis tiu admirinda ĉefverko de l' kuir-

arto, ke malgraŭ la jam glutita kvanto da nutraĵo, Bihejn ĝin flarante, briligis pro ĝojo siajn okulojn. Eble ankaŭ la vino kaŭzis tiun okulbrilon. S-ro Grofis ne forgesis alpreni al si la helpon de la plej bongustaj trinkaĵoj. Maljunaj, maloftaj, multekostaj boteloj kuŝis en lia kelo. El ili li zorge elektis, laŭ konsilo de la kuiristo, la plej taŭgajn, kaj kun ĉiu plado, estis metata antaŭ la manĝanton la konvenanta botelo. Krom tio, por estingi plejefike la soifon naskotan de la spicoj, estis sur la tablo biero de la plej bona kvalito, kiun fabrikis S-ro Grofis.

Tiu ĉi rimarkis la ĝojan akcepton de Bihejn al la tomata saŭcaĵo. Li iĝis tute certa pri la triumfo. Restis nur la rostaĵoj. Ĉio nun iras bone. Post afabla vorto al la gasto, li denove forlasis lin por observi la finan laboron en la kuirejo.

Apenaŭ dek minutojn post lia alveno, alkuris kelnero al li, sciigante, ke Bihejn deziras paroli al sia mastro. Malkviete S ro Grofis demandis al la servisto pri la konjektebla objekto de la petata alparolo. Kaj, aŭdante la viron dirantan, ke jam de kelkaj minutoj la giganto maltrankvile rigardas senĉese al la pordo, tra kiu alvenas la pladoj, S-ro Grofis timis, ke li tro fidis la sukceson. Ho ve! Droni alvenante al la bordo! Restas preskaŭ nenio nun, kompare kun la jam formanĝitaj viandoj. Ĉu Bihejn tro frue satiĝis? Kia malfeliĉo! Konsterne la elreviĝanta vetinto iris al la manĝoĉambro, kie Bihejn tamen tute ne ŝajnis sata kaj energie maĉis.

« Ĉu do vi havas ion por diri al mi? » demandis tremante S-ro Grofis. — La giganto ĝentile viŝis siajn lipojn kaj dum momento hezitis.

« Nu, » li fine diris, « tiuj manĝaĵoj estas ja tre frandaj. Tion mi ne povas nei. Sed tamen ni ne forgesu la bovidon. Ankoraŭ mi havas kelkan lokon por ĝi. Estas tempo ĝin alporti. »

C. Rogister.

---

Nia bona amiko kaj kunlaboranto Ludovic Rodo ĵus sciigis al ni, ke la bronza busto de Zamenhof, pri kiu ni parolis en nia februara numero, estas el gipso.... Niaj afablaj legantoj bonvolu pardoni nian unuan, erarigan informon.

☆☆☆

Kiel ni jam forgesis anonci en nia lasta numero, la rubriko Galero de l' Piratoj estas provizore interrompita, pro higienaj kaj politikaj kaŭzoj ne sendependaj de nia volo.

# Ĉu vere io eksterordinara?

En la marta numero de Franca Esperantisto mia bona amiko Petit publikigas belan artikolon pri la strangaj aventuroj de mia bona kaj hidrarga amikino Haudebine. For de mi la intenco kontesti la meritojn de mia kara kunpiratino! Sed, kiam mia bona amiko Petit mencias kiel eksterordinaran aferon, ke

« nekonante eĉ unu vorton de la holanda lingvo ŝi faris tuj paroladojn en Esperanto »,

mi petas la permeson ne ekmiregi. Kaj mi ŝuldas al la eterna vero konfesi, ke, laŭ mia opinio, tio estas ĉiutaga banalaĵo. Mi povus citi analoge, ekzemple, ke

nia kunlaboranto Bernard scias bone skiveturi, kvankam li neniam lernis ŝakludi;

havante eĉ ne unu denton en sia buŝo, mia bona amiko Gripoil vestas siajn piedojn nur per silkaj ŝtrumpetoj;

ne ŝatante la porkviandon, fraŭlino Amadour iras ĉiuĵaŭde en kinematografejon;

S-ro Renescure suferas pro podagro, sed li perfekte ludas briĝon;

alian sinjoron mi konas, kiu scias nek legi, nek skribi. Li fariĝis ministro.

Kaj, finfine, tio refoje pruvas, ke oni povas esti malriĉa kaj tamen honesta.

Senĵaluze

SALA FUMAL.

---

# KONSILO

Iam dum la babila
interparolado
demandis la poeto
al la kamarado:
« Laŭ via opinio,
diru, mi vin petas,
ĉu *sufiĉe da fajro*
*mi en verkojn metas*? »
Kaj respondis l' amiko
ironia-tone:
« Se vi farus *inverse*,
estus ja pli bone! »

SZYMON J. WEYLAND.

*KONFIDENCAĴOJ*

## Ni humile pentofaras

Nudpiede, sakvestite, kun ŝnurego ĉirkaŭ la kolo, nia tuta redakcia stalo (aliaj diras « stabo »!) aŭskultis surgenue la verdikton de nia ĝisnuna germana reprezentanto. Pro stulta malspritaĵo, kiun ni publikigis en nia januara numero, sub la titolo « Varbado » (Mondmuma Klaĉejo), nia germana reprezentanto ĝisnuna plej energie protestas, solene eksiĝas kaj pro nia malbona konduto rifuzas plue ludi kun ni. — Efektive, en nia artikoleto temis pri libro « Kun Hitler al la Potenco » kaj ni rakontis, ke iu ne-Esperanta kontraŭhitlerano tradukis *Potenco* per la franca vorto *Potence,* kiu signifas « pendigilo ». Evidente, tio estis neĝentila kaj, cetere, neverŝajna. Ni tial refoje kaj tre serioze enketis pri tiu afero kaj jen, ni devis konstati, je nia granda ekmiro, ke la verkinto de la artikoleto senskrupule trompis nin, misuzante nian kredemon. La aludita libro ne titoliĝas « Kun Hitler al la Potenco », sed « Kun Flandin, la franca ĉefministro, al la Potenco ». En tiu ĉi okazo ĉiuj honestaj homoj konsentos kun ni, ke oni povas interpreti *Potenco* per *Pendigilo* (ju pli frue, des pli baldaŭ!) kaj nun ĉio rajtigas nin supozi, ke eĉ la plej fervoraj germanaj amikoj opinios kiel ni. Koncerne niajn francajn legantojn ni estas trankvilaj ; ili ne protestos.

Resume : ni pentofaras kaj kompense ni plezure pendigos nian Flandin.

---

## Bela ekzemplo de civila kuraĝo

Okaze de la nunjara karnavalo ni eksciis kun granda ĝojo, dank' al konvena dispublikigo en Pola Esperantisto, ke nia bona amiko Salo Grenkamp Kornfeld fariĝis subite oficiro de la Ordeno Niŝan Iftikar de Tunizio. — Ja multaj homoj sekrete posedas la medalon de l' Iftikareco, sed ĝis nun nur tro malmultaj ankaŭ publike tion konfesis. Duoble sinceraj, tial, estas niaj sinceraj gratuloj al la niŝana moŝto de nia iftikara amiko.

---

### POŜTOSAKA INFORMO

Al ĉiuj, kiuj lastatempe skribis al ni : Jes, ni ricevis viajn sendaĵojn kaj dankas. Mankas loko kaj, provizore, ankaŭ tempo por pli detalaj respondoj. Senkulpigu nin !

---

S-ro R. ZAKAŜANSKIS, Tilzes 240, Ŝiaŭliai (Litovio) deziras akiri la numerojn 1 — 12 de La Pirato. Li rekompencos mone aŭ per bonaj litovaj poŝtmarkoj. Proponojn oni sendu rekte al li.

---

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Flossgasse 7/4-a, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—. Poŝĉek-konto 12.371 Praha, « Svaz cs. esperantistu ».

*Germanujo :* Ĉiuj poŝtoficejoj akceptas poŝtmandatojn por J. Solsona, 9, rue Hallé, *Paris-XIV*e. — Unu jaro : RM 2,—.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Mariagatan 7-9 A, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

**Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.**